# Informilo de Ĝemelaj Urboj

N-ro 4 (7) septembro de 2003

## NOVAĴO

### Opinio pri la agado de ĝemelaj urboj en la fakkunsidoj de UK

"Progresigi movadon de ĝemelaj urboj kaj kluboj" estis unu el tri flankoj resumitaj laŭ la opinioj donitaj en la tri fakkunsidoj pri Azio okazintaj dum la Gotenburga UK. (el raporto de HORI Yasuo, prezidanto de KAEM).

### Propono al ĈEL

Pro la okupiteco la komisiito ne partoprenis la 5-an Ĉinan Kongreson de Esperanto okazintan inter la 2-a kaj la 5-a oktobro, sed li speciale skribis al ĈEL (Ĉina Esperanto-Ligo) kaj proponis, ke okazu la unua kunveno pri ĝemelaj urboj dum la venonta Pekina UK. S-ro Yu Tao, ĝenerala sekretario de ĈEL rete faris respondon al la propono. Li diris: "Mi tre ĝojas ricevi la informilon pri la projekto "Ĝemelaj Urboj". Estos bone, se en la venonta UK oni kunsidos por la projekto." Laste li esprimis sian antaŭĝojon pro tio, ke en Pekino ĉiuj tri komitatanoj (de UEA) el Ĉinio renkontiĝos.

### Ĉina kongreso kaj ĝemelaj urboj

Dum la 5-a China Kongreso de Esperanto s-ro Zhang Changsheng el la urbo Changzhou menciis en sia raporto pri Changzhou Esperanto-movado la kunlaborojn de esperantistoj inter Changzhou kaj ĝia japana ĝemelurbo Takatuki.

### La 15-jara jubileo de la ĝemeliĝo de du elementaj lernejoj

Ĉi jaro estas la 15-jara jubileo de la ĝemeliĝo de du elementaj lernejoj Yosumi en Takatuki kaj Dongfang en Changzhou. Tion festis en novembro Esperanto-Societo en Takatuki (EST) kaj la elementa lernejo Yosumi per ekspozicio, malfermo de nova TTT-paĝo, vizito al Changzhou kaj la gratulaj vortoj de la urbestro por la brila atingo de du lernejoj. La komisiito rete sendis gratulan leteron al la jubileo pere de s-ro TAKEUTI Yosikazu, prezidanto de EST.

### La prelego de la projekto en la festo por Zamenhof-tago

De la 20-a ghis la 21-a de decembro LEA (Liaoning-provinca Esperanto-Asocio, Ĉinio) okazigis la kunvenon por festi Zamenhof-tagon en Dandong, najbara urbo al Koreio (norda). Ĝin ĉeestis pli ol 50 esperantistoj el diversaj lokoj de la provinco. La komisiito kiel vic-prezidanto de LEA prelegis pri la projekto "Ĝemelaj Urboj" krom raporto pri Zamenhof, diskuto, resumo de la laboro de la asocio kaj mobilizado por bonvenigi kaj partopreni la 89-an UK en Pekino ktp.

### Pekino, Kongresejo de la 89-a UK

Ĉinio kun historio de 5000 jaroj estas unu el la kvar plej antikvaj civilizitaj landoj de la mondo. Pekino, kiu fondiĝis antaŭ 3000 jaroj, estas ĉefurbo de la Ĉina Popola Respubliko, kun 13 milionoj da loĝantoj. La longa historio postlasis al Pekino multajn kulturajn restaĵojn, el kiuj estis enlistigitaj kiel mondaj kulturaj restaĵoj la Imperiestra Palaco, la Somera Palaco, la Ĉiela Altaro kaj la Ruino de Restadejo de Pekin-homoj en Zhoukoudian. Inter la 24-a kaj la 31-a de Julio 2004

antikva Pekino gastigos la 89-an Universalan Kongreson de Esperanto. Ankaŭ estas la dua honoro por Pekino: la 71-a UK okazis tie en 1986.

Pekino jam ĝemeliĝis kun 27 lokoj (urboj aŭ distriktoj aŭ provincoj) en 24 landoj, ekzemple, Buenos-Ajreso (Argentino), Kanbero (Aŭstralio), Bruselo (Belgio), Rio de Ĵaneiro (Brazilo), Kairo (Egiptio), Parizo (Francio), Berlino (Germanio), Madrido (Hispanio), Ĝakarto (Indonezio), Tokio (Japanio), Otavo (Kanado), Seoulo (Korea Respubliko), Amsterdamo (Nederlando), Islamabado (Pakistano), Limo (Peruo), Moskvo (Rusio), Beogrado (la eks-Jugoslavio, la nuna Serbio kaj Montenegro), Bankoko (Tajlando), Ankaro (Turkio), Kijivo (Ukrainio), Vashingtono, Nov-Jorko (Usono), Hanojo (Vjetnamio) ktp. Karaj ge-esperantistoj, Ĉinio atendas viajn vizitojn, Pekina UK sopiras pri viaj partoprenoj.

## Cedo al Esperanto

Kioto (Japanio), Zagrebo (Kroatio) kaj Parizo (Francio) estas ĝemelaj urboj. Kutime Kioto-Zagreba Asocio havas monatan kunsidon en la 2-a dimanĉo. Konsiderinte la partoprenon de la preleganto en la 90-a Japana Kongreso de Esperanto en la 2-a semajnfino, la Asocio akceptis la proponon de s-ino TAHIRA Masako, esperantistino el Kioto, pri ŝanĝo de la tago al la tria dimanĉo, nome la 19-a de oktobro 2003. Tiutage s-ro Kreŝimir Barkoviĉ, ĝenerala sekretario de Sennacieca Asocio Tutmonda en Parizo, prelegis en la kunsido de la Asocio che Kioto-urba Internacia Domo sub la temo "Kroata Printempo kaj mi---1971-2003---" en Esperanto kun japanlingva interpreto. La prezidanto de la Asocio bone parolas la kroatan lingvon, sed li cedis al s-ro Kreŝimir Barkoviĉ paroli en Esperanto kaj al s-ino TAHIRA Masako interpreti japanen. S-ro Kreŝimir Barkoviĉ naskiĝis kaj esperantistiĝis en Zagrebo, kaj nun loĝas en Parizo. Pro la ŝanĝo de la tago nur malmultaj membroj de la Asocio ĉeestis la kunsidon, sed surprize 6 esperantistoj kaj 1 simpatianto de Esperanto aperis inter ili! (Laŭ raporto de s-ino TAHIRA Masako)

## La projekto en gazeto

1. Esperanto en Azio estas 16-paĝa Bulteno de KAEM (Komisiono pri Azia Esperanto-Movado de UEA), trifoje aperas en jaro. Ĝia lasta numero (n-ro 45) prezentis la skizan planon de la projekto "Ĝemelaj Urboj".

2. Vekilo estas klubgazeto de esperantistoj en Tampere regiono ekde 1963. En ĝi troviĝas speciala rubriko "Ĝemelaj Urboj". Ĉijare s-ro Veli Hämäläinen, la redaktoro, aperigis la skizan planon de la projekto "Ĝemelaj Urboj" en N-ro 1 Vekilo.

3. INTER NI, trimonata Esperanto-revuo eldonata de Universala Kultura Servo en Madagaskaro, estas la sola Esperanto-revuo en la Afrika kontinento . Depende de la disponaj spacoj s-ro Eugène Raveloson ĉiam mencias artikolojn el Informilo de Ĝemelaj Urboj. <http://inter.ni.free.fr/> estas ĝia TTT-ejo.

## La projekto en intereto

1. En la retejo Yahoogroups sukcese estas konstruita listo <urboinformoj@yahoogroups.com>. Ĝi estas grupo por diskuti proponojn kaj realigon de urbaj informoj. En ĝi ofte aperas informoj pri ĝemelaj urboj. Per sendo de retmesaĝo al <urboinformiloj-unsubscribe@yahoogroups.com>. oni aliĝas al la listo.

2. En la reta paĝo <www.tejo.org/uea/gxemelaj_urboj> oni povas legi pri la agado de la projekto "Ĝemelaj Urboj". Ĝi registras la kunlaborantajn urbojn en kiuj aktivas esperantistoj. Oni ĝisdatigas la enhavon pro tio, ke ĝi estas farata laŭ la nova tekniko "Vikio".

Reagoj al la projekto "Ĝemelaj Urboj" kaj sia revueto

1. S-ro Roberto Sartor el Argentino: mi bone ricevis la bultenon. Novaĵojn koncerne la aferon el nia lando mi ne havas. Post nia granda ekonomia "defaŭlto" ankaŭ ni esperantistoj malrapide klopodas reorgnizi nian vivon kaj grupojn... Dank'al la reto, nun pli kaj pli da lernantoj alvenas al la kursoj de interreto: do ni bezonas esti preparataj en niaj sidejoj de asocioj por havi allogajn programojn por la praktikado kaj uzo de la lingvo...Iam nia Movado estis tre aktiva... do ni nun denove rekomencas.. Havu Sukceson kaj feliĉan agadon por la sukceso de la Pekina UK.

2. S-ro Richard Servais el Belgio: Estimata Wu Guojiang, Kompreneble vi povas sendi informaĵojn al mi laŭ via deziro. Ili estos ĉiam la bonvenataj. Por mi estas ĉiom granda plezuro sendi mesaĝojn al vi, ankaŭ ricevi la viajn.

3. S-ro Georgo Otto Vaske el Brazilo: Dankon, meritoplena samideano. Mi malmulte scias pri Ĝemelaj Urboj sed konsentas ricevi kaj legi pliajn tekstojn pri la afero

4. S-ro HJilmar Ilton Santana Ferreira el Brazilo: Dankon, mia kara samideano. Mi ricevis vian informon. Nun ne eblas legi ĝin. Post legado mi skribos al vi, se bezonota.

5. S-ro Jan Werner el Ĉeĥio: Estimata samideano, mi dankas pro la alsendo de la informilo. Mi uzos ĝin por informi en la urba E-societo kaj okaze ankaŭ ekster la movada medio.

6. Michal Polak, 15-jara lernanto el Ĉeĥio: Estimata samideano, bonan tagon! Mi transdonis al la prezidanto de loka Esperanto-klubo, unu de miaj instruistoj, la Informilon de "Ĝemelaj Urboj" por klubanoj. Certe ĝi estos eble interesa , kelkaj el membroj reagos al la projekto.

7. Esperanto-radakcio de Ĉina Radio Internacia: Estimata, estas bonvena plua sendo de la reta

Informilo pri Ĝemelaj Urboj. Ni kore dankas al vi pro via klopodado en plivastigo de nia lingvo Esperanto. Ĉion bonan al vi kaj viaj familianoj.

8. S-ro Veli Hämäläinen el Finnlando: Dankon pro la mesaĝo. Mi interese volas daugre ricevi la retan revueton. Bedaŭrinde nia ĝemelurbo-agado ne estas aktiva, kelkajn urbojn esperanto-societo finis sian agadon, hungara Miskolc kaj dana Odense. Kelkaj aktivas kaj mi sribas iomete pri iliajn aferojn en nia kluba gazeto. Se vi informas vian adreson mi povas sendi la gazeton por vi. Multajn salutojn.

9. S-ino Sirkka Mattlin el Finnlando: Estimata, mi dankas pro viaj informoj pri ĝemelaj urboj. Mi ne tre ofte respondis pro laboraj taskoj. Nun ekde novembro mi ne plu estas atingebla en tiu ĉi adreso. Mi unue semestras, ja poste ekde venonta jaro mi ne plu laboros. Verŝajne mi tiam havos pli multe da tempo por esperanto! Kun multaj salutoj.

10. S-ino Kaisa Hansen el Svedio: Mi tre dankas pro tiu ĉi numero. Kaj mi absolute plu volas ricevi ĝin. Amikajn salutojn.

11.S-ro EDEN LOUBAKI el Kongo: Mi tre kontentas pri via sendaĵo.Tiel mi deziras havi pli da infomoj kaj sendaĵoj.

12. S-ro Ljosha Kuznecov el Rusio: Saluton, estimata Wu Guojiang! Dankon pro la Cirkulero! Mi deziras komuniki al vi, ke Kostroma havas jenajn ĝemelurbojn: Aachen (Germanio), Dole (Francio), Durham (Usono), Hyvinkaa (Finnlando), Samokov (Bulgario) kaj Xiangfan (Chinio) Ĝenerale, verdire, mi ne scias kion fari kun ĝemelurbanoj. Kun tiuj, kiujn mi trovis ni nur korespondis. Kiel ni povus utiligi e-on por bono de niaj urboj - jen kion mi deziras lerni.

## URBA STILO KAJ TRAJTO

### Urba historio

Ĝis nun Rigo, kiel la ĉefurbo de Latvio, havas historion pli ol 800 jaroj, kun 307.17 kvadrataj kilometroj kaj 840 miloj da loĝantoj. Onidire la fondigo de Rigo-urbo rilatas al episkopo nomata Alberto el Bremen, kiu estis sendita al Livlando (Livonio) en 1199. Antaŭe ĉi tie troviĝis liva vilaĝo, kaj rivereto Rigo, bona natura haveno, estis ideala loko interŝanĝi varojn por la ŝipoj laŭ Balta maro de Germanio kaj de Gotlando kaj la boatoj el Rusio laug Daŭgavo, la plej fama kaj longa rivero (367 km) en Latvio. En 1201 Alberto komencis konstrui sur la loko de antaŭa liva vilaĝo sian fortikaĵon – la urbon Rigo. En 1204 li komencis konstrui la unuan ŝtonan kastelon el kalkoŝtono.

En Rigo oni povas vidi la atestanton de la evoluado de tiu ĉi urbo, Preĝejo de la Sankta Petro, kiu konstruiĝis en 1905. Sur ĝia alteco de 72 metroj belega panoramo aperas antaŭ vi.

Rigo estas verda urbo. En ĝi estas 26 parkoj kaj ĝardenoj, 81 skveroj sur 250 ha granda areo. Ĉiu el ili havas belan nomon, kiel: Esplanade, Vermanes darzs, Dzegužkalns, Griziņkalns, Ziedoņdārzs, Arkadija. Krome ankaŭ Monumento de Libereco kaj Parko "Griziņkalns" estas viztindaj lokoj. La ĉefaj industrioj estas teksaĵoj, vitraj bufroj, ŝuoj, fiŝaĵo, parfumo ktp.

### Esperanto-movado

En Rigo Esperanto-movado estas aktiva. En 2002 tie okazis la 12-a Internacia Esperanto-Kongreso, dum kiu oni plantis la unuan Esperanto-arbon. Aceron. Nemalmultaj esperantistoj vizitis Rigon, interalie, en 2003 vojaĝis tie Esperanto-grupo de sep landoj tra Baltaj landoj kaj plantis la duan Esperanto-arbon post malapero de la unua dum vintro, lastatempe estis tie akceptita s-ro Joshiru Takahashi, japana esperantisto kaj respondeculo pri havena sendanĝereco kaj asekurado de laboristoj de havenoj en Tokio kaj Yokohamo. Nun en Rigo estas Esperanto-organizaĵo, nome Esperanto-klubo de Latva Societo de Rigo. En la 11-a de novembro 2003 la klubo okazigis la unuan kunvenon kaj gravan por pli-antaŭeniri la tiean movadon. La postaj kunvenoj regule okazas ĉiun duan kaj kvaran mardon de monato je la 18.00 h ĝis 21.00 h.

### Ĝemelitaj urboj

Rigo ĝemeliĝis kun multaj urboj en la mondo, ekzemple, Suzhou (Chinio), Taipej (en Taiwan-provinco de Ĉinio), Tallinn (Estonio), Bremen (Germanio), Kobe (Japanio), Vilnius (Litovio), Varsovio (Pollando), Dallas (Usono) ktp. Rigaj esperantistoj ĉiam klopodas por kontribui ion al la

interŝanĝo inter la ĝemelurboj per Esperanto. S-ino Mara Timermane volas enkadrigi la Esperanto-agadon en la Ĝemelurba Programo kun Kobe. Indas mencii, ke la ambasadoro de Pollando en Latvio oficiale akceptis Rigajn esperantistojn en decembro 2003 kaj dume parolis pri ĝemelurbaj agadoj inter Polalndo kaj Latvio, precipe pri kunlaboro inter ĝemeligitaj Varsovio kaj Rigo. Esperantistoj de Rigo deziras kontakti tiuj samideanojn en la ĝemelurboj. (laŭ la mesaĝoj senditaj de S-ino Mara Timermane)

## INTER ĜEMELAJ URBOJ

### La projekto "Ĝemelaj Urboj" helpos al la realigo de Beleidsplano*

Beleidsplano estas grava plano pri la onta disvolviĝo de FEL (Flandra Esperanto-Ligo). S-ro Lode Van der Velde el FEL havas supozon, ke, se la Beleidsplan estos akceptata, FEL ricevos pli ol duoblo de la subvenciojn nuntempe ricevitajn. Al tio li elmetis kaj publikis en la listo <esperanto-en-bruselo@yahoogroups.com> siajn demandojn: Kio allogus la ĝeneralan publikon al Esperanto? Pri periodo de kvar aŭ kvin jaroj: (1) Kion FEL *DEVAS* nepre fari per tiu ekstra mono? (2) Kion vi volas ke FEL realigu ankaŭ? (3) Ĉu vi povas trovi ion kion ni povus fari, sed ĝis nun neniam faris? aŭ ne sufiĉe? (4) Kion atingu FEL dum la 4-5 sekvaj jaroj?

Al tiuj demandoj s-ro Michael Cwik, kiu laboras en Eŭropa Komisiono, faris respondojn. En ili li proponis pripensi "ĝemelurbo-planon" por la kvar, kvin venontaj jaroj, ĉar Antwerpen kaj la flandraj urboj en kiuj estas Esperanto-Kluboj havas jam multajn ĝemeligitajn urbajn partnerojn. FEL devas proponi al la publikaj instancoj flegi kaj plilarĝigi la oficialajn rilatojn inter tiuj ĝemeligitaj urboj helpe de ekzistantaj Esperanto-kluboj en la koncernaj komunumoj kaj esplori la terenon por pli efika interkomunikado inter la diversaj grupoj (profesiaj, publikaj, privataj, kulturaj kaj sportaj) de la ĝemelitaj urboj sub la kondiĉo, ke ekzistas ĝemelaĵoj kun pli ol du diversaj urboj havante pli ol du malsamaj oficialaj lingvoj.

Li akcentis, ke la avantaĝo por la publikaj flandraj instancoj povus esti ke la Esperantaj kluboj en la ĝemelitaj urboj fariĝos aktivaj elementoj en la ĝemel-politiko de la Komunumoj kaj la Esperanto Kluboj en la ĝemelitaj urboj fariĝos "privilegiaj" komunikiloj en la rilatoj de ĝemelitaj urboj!!! Estas necese kunlabori kun la komisiito de UEA pri la projekto "Ĝemelaj Urboj". Li finfine opiniis, ke tiuj aktivecoj povus eĉ ricevi financajn subtenojn de la Eŭropa Unio. (la titolo estas donita de la redaktoro)

## Partneraj urboj: senfina rubando de amikeco (2)

4. Kiel ricevi informojn?

La vojo jam estas faciligita de aliaj, foje tre profesie. En multaj urboj ekzistas komunuma oficejo aŭ sperta responsulo pri partnerecoj. Tiuj institucioj subtenas, kunordigas kaj realigas la interŝanĝojn inter unuopoj, grupoj, kluboj, lernejoj ktp. Ili distribuas interalie proponformularojn kies plenigo helpas poste organizi la programojn, korespondon, tradukon, peri ĉe ĉiĉeronadoj kaj akceptoj. Kelkaj urboj liveras financan subtenon. Ĉiu komunumo agas siaspece – informiĝu ĉe la koncernaj oficuloj.

5. Kiel iniciati?

Se vi kaj via Esperanto-klubo emas partopreni en la programoj de urbaj partnerecoj, se via urbo jam ĝemeliĝis kun iu alia – kontaktu la tiea(j)n Esperanto-klubo(j)n. Por la adreso(j) rigardu

Jarlibro de UEA aŭ turnu vin al la Centra Oficejo (Nieuwe Binnenweg 176, Nl-3015 BJ Rotterdam, Nederlando) aŭ koncerna landa asocio.

Alia situacio: emas vi kaj ankaŭ via Esperanto-klubo, sed…via urbo ne ĝemeliĝis ankoraŭ kun iu alia. Instigu. Multaj ĝemeliĝoj rezultis el unuopa iniciato paŝo. Elektu landon, preferan urbon (plej bone proksimume samgrandan kaj kun similaj strukturoj). Poste kontaktu Esperanto-klubon tie. Eble jam ekzistas alispecaj kontaktoj: lernejaj, profesiaj, kulturaj – tio certe faciligos por vi la akiron de informoj kaj eventuale ankaŭ la vojon ĉe la urba administracio. Informu la gazetaron. Instigu Esperanto-klubon en la celata urbo fari la samon.

6.Kiam okazigi? La datoj

Se flanke de la Esperanto-klubo en la celata urbo vi trovos intereson, interŝanĝu plej detalajn informojn, inkluzive la daton de la onta renkontiĝo, la nombron de la partoprenontoj ks.

Konsideru viajn gastig-eblecojn kaj potencialajn helpo-fontojn. Nepre enkalkulu sufiĉe da tempo por la preparado – la karakteriza tempo-unuo estas unu jaro.

Elektu la daton kiam via urbo festas partneran renkontiĝon aŭ iun lokan, regionan, historian feston – laŭsperte tio faciligas la klopodojn. Tiamaniere vi partoprenos ankaŭ en plej diversaj, ofte eĉ belaj, interesaj kaj gajaj urbaj programeroj kiajn via klubo neniam kapablus mem realigi.

7. Oficala programo

Faru programon por 2-4 tagoj: urbaj festoj estas kutime semajnfinaj. Plej frue petu vian urban administracion pri la eblecoj partopreni en ofcialaj okazaĵoj kiel solena malfermo, akcepto en la urbodomo, diskutrondoj, vizitoj al la vidindaĵoj, koncertoj, teatroj, kulturaj renkontoj. Rezervu lokojn, prizorgu enirbiletojn, informiĝu pri la enirtempoj ĉe programeroj kaj ekveturtempoj ĉe ekskursoj. Preparu alternativan programon – se pluvos. (Annsibyll Kamphausen) (daŭrigota en la venonta numero).

SERVA PLATFORMO

Belgio

Mi estas Georges SOSSOIS (geogecamille.sossois@compaqnet.be), kaj loĝas en Charleroi (Belgio). Mia urbo estas ĝemilita kun Himeiji (Japanio), kie estas fama kastelo. Esperantistoj nun mortintaj diris al mi ke esperantistoj de Charleroi kaj Himeiji estis en la kerno de tiu afero post la milito. Sed la plimulto en Himeiji ŝanĝis en la pasintaj 60 jaroj kaj la nova plimulto lasis fari la aferon. Nun estas denove kontaktoj inter la urbestroj. Sed mi ŝatus scii ĉu estas esperantistoj en Himeiji por (re)- rei kontaktojn unue inter ni kaj poste definigi strategion por esti neeviteblaj partneroj tie. Ni estas ankaŭ ĝemiltaj kun Donetck en Ukraino sed tie estis problemo ĉar Doneck elportas konkurencajn produktonj al tiuj de Charleroi kaj ŝajnas, ke la tiamaj urbestroj ne sukcesis bonigi siajn kontaktojn! Por mi tiu iniciato kun ĝemilitaj urboj povas esti ege interesa por esperantistaj grupoj. Mi estas interesata pri kontakto kun Himeiji.

Italio

S-ro Gianni Reina <itanosvc@libero.it> estas la prezidanto de la esperanto-grupo de Vercelli kaj en bonaj rilatoj kun la komunumaj instancoj. Li estas ankaŭ en la komisiono urba pri ĝemeliĝoj. Nun por establi rilatojn kaj klopodi realigi ĝemelajn rilatojn kun la urbo Vercelli pere de Esperanto li serĉas esperantistojn en la aŭstraj urboj Wels kaj St. Pölten kaj la portugalaj urboj

Evora kaj Sintra.

## VI LEGOS

En oktobro la redaktoro ricevis la proponon de s-rino Kaisa Hansen el Sveda Esperanto-Federacio pri la kunlaboro de ĝemelaj urboj inter Ĉinio kaj Svedio pere de Esperanto, kiu jam aperis en kelkaj ĉinaj E-eldonaĵoj. La propono estas efika metodo akceli la agadon de ĝemelurboj inter Ĉinio kaj Svedio, sed ankaŭ estas taŭga por tiu inter aliaj landoj. La propono rekomendite aperos en la venonta numero.

******************************************************************************

Redaktoro: Wu Guojiang / komisiito de UEA pri La Projekto "Gemelaj Urboj"
Adreso: Fushun Shiyouyichang Yanjiusuo
113008 Fushun Liaoning Ĉinio
Telefono/Fakso: +86-413-2650322 (fakso post la 5-a sonorilo)
Retadreso: amikeco999@21cn.com